# INTERNACIA FERVOJISTO




## ORGANO DE I.F.E.F.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

31a jaro Majo - Junio 1979 N-ro 3


Kanada Fervojo.

foto "Vie du Rail"

# La 31a IFEF - KONGRESO




- LKK informas,
ke la oficiala inaŭguro komencas je la 10.30 ah,
kaj ne kiel anoncite.

- Vojaĝgrupo de Kopenhago al Stockholmo.

S-ro Thuesen el Danio, kiu zorgas pri la vojaĝgrupo, informas denove, ke necesas por ĉiu havi bileton al Stockholmo kaj reen.

La vojaĝaranĝo far li koncernas la rezervadojn.

Bonan kaj agrablan vojaĝon al ĉiuj. Ankaŭ bonan restadon en Kopenhago por tiuj, kiuj partoprenos la danan dumvojaĝan vesperon.




Kiom da rabato, se oni bezonas nek sid- nek starlokon?
(Laŭ gazetara servo de DB)

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.- Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550 - DK 9800 Hjørring - DANIO

## IFES jubileis en Aŭstrio

La "Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno" naskiĝis ie iam survoje, en la kapoj de kelkaj esperantistoj, hejmvojaĝantaj de iu IFEF-kongreso. Inter la "naskantoj" ankaŭ estis Johann Geroldinger, Linz (Aŭstrio) kaj estis li, kiu helpis al la imaga bebo fariĝi granda, memkonscia estaĵo, plena je ĝojo, vivojeso kaj entreprenemo. La unuajn 10 skisemajnojn organizis la "IFES-patro" kuraĝe, energiplene kaj ofereme en diversaj lokoj aŭstriaj, por la 11a fojo - en 1970 - li lasis sian amatan infanon vojaĝi eksterlanden al ĈSSR, fidante al ĝia nuna absoluta memstareco ..., kaj ĝi vivis, daŭrigis sian vojaĝon sinsekve al Francio, Germanio, revenis en 1973 al la patraj brakoj, forŝiris sin denove por viziti Jugoslavion, Italion, Hispanion, Francion, Germanion kaj nun en 1979 revenis por la 20a jubilea IFES al la gepatra Aŭstrio, kien revokis ĝin Franz Scharf kaj Walter Huber, ambaŭ el Vieno, por festi tiun rimarkindan eventon.



IFES-patro Johann Geroldinger

Kaj fakte, la 85 gepartoprenantoj el 8 landoj ĝuis de la 17a ĝis 24a de marto en Maria Alm veran festsemajnon, kies inda kadro estis la "Hotelo Hintermoos". Preskaŭ ĉiutaga sunbrilado - kvazaŭ por orumi nian semajnon - ankoraŭ plibeligis la mirindan pejzaĝon, tamen lasante sufiĉe da neĝo por la skiantoj. Du skiinstruistoj senlace prizorgis nin en diversaj kategorioj, por ke ĉiuj el ni plej multe profitu la viziton de la "lulilo de la alpisma skisporto". Apartan ĝuon (laŭ mia scio unikan dum IFES) peris la glaciejo sur "Kitzsteinhorn" (3204 m) super Kaprun, kien ni ekskursis foje ĉe aparte bela vetero. En sunbrilo gliti, sub la skioj pulvoran neĝon sur eterna glacio, estas la revo de ĉiu skianto; do ne mirige, ke konsiderinda aro el ni entuziasme skiadis, dum la aliaj - kvazaŭ prisorĉitaj - mirrigardis la majestan panoramon (kun jen-jena libera vido al montegoj kiel "Grossglockner") aŭ la modernan inĝenieran teknikaĵon sur "Kitzsteinhorn".

La jam tradiciaj, sed ĉiufoje kun specialaj landaj akcentoj, vesperaj programoj estis: la kostumfesto, la film- kaj dia-vesperoj, la amuza kaj Esperanto-vesperoj, la folklora vespero kaj la t.n. "libera" vespero. Al ĉiuj oni devus dediĉi duonan paĝon. Ekzemple pri la kostumfesto, kiun ĉeestis Helmut Stöckl, urbestro de Maria Alm, Hans Herzog, direktoro de la ŝparkaso kaj de la liftentrepreno Maria Alm, Helga Marchner,

afergvidantino de la fremdultrafikofic-ejo, kaj kompreneble "nia" Rosemarie Blattl, la ĉarma posedantino kaj est-rino de "Hotelo Hintermoos". Mi men-ciu ankaŭ aparte la amuzan vesperon, denove elpensitan kaj vivigitan de la Pariza junularo kun siaj nerezisteb-laj ĉarmo, sprito kaj vivoĝojo. Ĉu Gérard estas la kapo de tiu grupo, ĉu Christiane la animo kaj Martine la koro? Eble jes. Ni tamen ne for-gesu la tutjaran seriozan preparla-boron de ĉiu el ili (kudri, tajpi, ek-zerci, pensojn realigi, teknikon rea-ligi ktp.) nur por donaci al ni kel-kajn liberigajn horojn da senzorga di-striĝo. - La Esperanto-vespero en-kondukiĝis per la lingva konkurso, kaj ĝin daŭrigis Johann Geroldinger per film-retrorigardo de la unuaj 10 IFES: bona okazo por lanĉi surpri-zon, elpensitan de la du ĉi-jaraj or-ganizantoj! La IFEF-sekretariino El-friede Kruse sursceniĝis. Ŝi skizis mallonge la vojon de la 1a ĝis la 20a IFES, direktis varmajn vortojn al Johann Geroldinger kaj fine transdo-nis al li kiel IFEF-premion multorna-mitan, valoran arĝentoteleron. AFEF esprimis sian dankon per donaco de bela libro, transdonita de Walter Hu-ber. Neniu en la salonego, kiu ne kvitancis tiun malgrandan sed efikan solenaĵon per sincera longa aplaŭdo.

Tri skikonkursoj okazis: du slalomaj por komencantoj kaj progresintoj kaj la unuan fojon unu longdistanca. An-kaŭ ĉe la lingvokonkurso oni iris no-van, sed plaĉan vojon. La partopren-antoj nek devis balbutante stari antaŭ severa juĝkomisiono, nek devis timi la liberan publikan paroladon, sola tasko estis skribe respondi en limi-gita tempo de 15 minutoj al ĉ. 20 demandoj, starigitaj sur demandfolio. La organizantoj eldonis tri diversajn foliojn kaj per tio ruze evitis, ke oni povis "okulŝteleti" respondon de la najbaro. La demandoj koncernis te-mojn kiel internaciajn okazintaĵojn, fervojon, vintrosporton kaj Aŭstrion. Gajnintoj de la kombinitaj ski/lingva konkursoj estis: Jovan Mirkoviĉ (Ju-goslavio), Irmgard Schickschneit (Germanio), Frits Lautenbach (Ger-manio) kaj Goar Engeländer (Germa-nio). Entute oni povis disdoni 13 va-lorajn pokalojn, disponigitajn de e-minentaj personoj.

Dum la tuta semajno regis plenharmo-nio kaj serena etoso. Franz Scharf kaj Walter Huber faris bonegajn an-taŭpreparojn (eĉ en la stacidomo Saalfelden pendis larĝa rubando kun bonveniga saluto) kaj ĉiuj programe-roj funkciis glate. Adiaŭe oni dankis ilin el tuta koro, same ankaŭ al la ĝentila estrino Rosemarie Blattl kaj al ŝia lerta, ĉiam afabla personaro. Kelkaj jam anoncis sin al la venon-ta skisemajno en Plan Val Gardeno (Italio).

Do, ĝis revido tie!

Elisabeth Ritterspach

---

La redakcio komunikas:

En IF 1/79 - paĝo 15 -, ni aperigis poemon "Se aŭskultas la animo" kun subskribo de nia amiko Steenhout (BEFA).
Ni informas, ke la verkinto estas Guido Gezelle, flandra poeto, kiu mor-tis en Bruĝo en 1899.
La tradukinto estas Vermuyten, en 1939.
Dankon al s-ro Steenhout pro tiuj pre-cizigoj.

# KAJ KION NUN ?

Kelkfoje en la vivo ludas certa vorto decidan rolon. Por mi tio estas la vorto "maŝino" kaj jen la kaŭzoj:

Antaŭ multaj jaroj mi vizitis fakan lernejon kaj estis inter 53 partoprenantoj la ununura ino. La iom ironia konstato de tiu fakto flanke de nia instruisto pelis min ek de la unua minuto en opozician situacion al li. Kiam krome hazardo helpis, kaj mi povis demonstri, ke la unua matematika ekzemplo ne estis ĝuste de li kalkulita, por mi estis tute klare, ke dum la kurso mi ne havos kaŭzon por ridi. Kiel mi juna knabino povis ankaŭ blami instruiston? Konsideru mian tiaman junecon kaj komprenu, ke mi sekrete ege ĝojis pri tio. Kune kun mi ĉiuj viroj de la kurso estis konsciaj pri tio, ke la instruisto ĉiam aparte observis kaj kontrolis min. Mi supozis, ke li pripensis venĝon, kaj mi eĉ tion komprenis. Ofte li akre ekzamenis min kaj donis al mi strangajn taskojn. Sed la afero plaĉis al mi, kaj mi multon lernis.

La dua semestro finiĝis sen iu ajn aparta okazintaĵo. Mi jam estis certa, ke nenio plu povus domaĝi al mi. Sed, malico de la sorto, en la lastlasta horo venis la egaligo de la justeco. Neniam mi forgesos la vizaĝon, kun kiu la instruisto venis dum ĉi tiu tago en la klasĉambron. Tuj mi ekkonis, ke mi donis la kaŭzon, ke mi faris stultaĵon. Malrapide, nur diable pene kaŝante la ĝojon li venis al mi, kuŝigis mian kajeron antaŭ min, substrekis per la montrofingro la vorton maŝino. O, kia mizero, mi estis skribinta "Maschiene" (Germane). Mi estis profunde hontigita. Kun granda peno kaj ankaŭ tion nur por savi la situacion, mi balbutis: "Na, nun vi certe estas kontenta?"

Kun granda rido li konfirmis tion kaj kontente respondis: "Jes, nun ni estas egalaj!" Ek de ĉi tiu tempo ni estis la plej bonaj geamikoj - kaj tio daŭris ĝis hodiaŭ-

La vorto "maŝino" resp. "Maschiene" tamen ne plu lasis min trankvila. Ne nur, ke mi tagtage laboris per aŭ por maŝinoj, egale ĉu skribmaŝino aŭ lokomotivo (germane vapormaŝino), ne, ankaŭ private tio kaŭzis al mi zorgojn.

En la jaro 1945, tuj post la milito, establiĝis sin fabrikanto en malgranda provizora ejo. Ekstere, de malproksime videbla, sed ŝajne destinita nur por mi, por ke mi ankoraŭfoje estu memorigata, la ŝildo de la firmao - Adolf König, Maschienenfabrik. Dum kelkaj tagoj mi toleris la mokon, sed poste mi tion ne plu eltenis. Mi skribis al la firmĉefo, s-ro König, kelkajn afablajn liniojn. Li komprenis miajn sentojn. Jam la alian tagon oni ŝanĝis la Maschienenfabrik en "Maschinenfabrik". Nun mi estis kontenta kaj ĝojis matene, kiam mi preterpasis la fabrikon.

Sed, kion mi nun devis konstati? La siatempa pentraĵo ege suferis. La pluvo forlavis ĝin kaj denove videblas klare la vorto - Maschienenfabrik.

Ĉu mi prenu tion kiel signo, ke estas tempo foje rememorigi min je mia eraro? La konstruaĵo estas malplena. Neniu plu ŝajne interesiĝas pri ĝi.

Kion mi nun faru?

Elfriede Kruse

# LETERO EL BRAZILO

Kara kaj altestimata redakcio!

En la nomo de ĉiuj zorgantoj kaj zorgatoj en Bona Espero mi sentas la profundan neceson skribi al vi por peti kelkajn liniojn en via revuo.

Ek de 4 jaroj la fervojistoj en Okcidenta Eŭropo, kaj tute aparte menciindas la landaj asocioj en FRG, Nederlando kaj Danio, tre aktive kontribuas al nia laboro en la tielnomata "Tria Mondo" per materialaj kaj financaj rimedoj. Nur malfacile oni povas imagi nian laboron sen tiu helpo, kaj pro tio ni ĉiuj deziras esprimi nian varmkoran dankon, precipe pro la fakto, ke tiu helpo - kaj post tiom da tempo ni klare konstatas tion - ne estis nur "pajla fajro" de kelkmonata daŭro, sed vere daŭriganta, konstanta, tute fidinda subteno, kiu permesis konsiderindan plivastigon de la asista laboro al kelkcentoj da homoj; fakte hodiaŭ ne plu temas nur pri la 20 infanoj en niaj domoj, sed ĉiuspeca socia helpo sub la signo de Esperanto al la tuta regiono. Ĉiam denove surpriza estas por ni malfermi ekz la pakaĵojn, kiuj alvenas kun ĉiumonata ritmo de gesinjoroj Karl kaj Rosa Simon el München kun tiom da utilaj materialoj! Kaj kion diri pri la "specialaĵoj" el la nordo? El Münster oni regule sendas medikamentojn kaj bebovestojn. El Schwelm la grupo ne nur sendadas vestojn, ŝuojn, ŝraŭbojn, martelojn kaj aliajn laborilojn, ne forgesante eĉ kudromaŝinon kaj pupojn por la knabinoj de la tuta regiono. Sed kio plej surprizas nin estas la agemo en ĉiuj sencoj de via senlaca, entuziasma sekretariino Elfriede Kruse, al kiu en ĉi tiu momento ni deziras esprimi nian aman admiron. Ŝi akcelas tiom da aliaj virinoj al konsiderinda helpo. Se iam Bona Espero disdonus medaljon "pro merito", la unuaj irus al Elfriede Kruse, Hanna Schindler, Ursula Schrapp, Margret Brandenburg, Rosa Simon, ĉar tiuj edzinoj de fervojistoj respondadas kun vera anima kompreno al la malforta voko je helpo el malproksima mondoparto.

Ĉijare estas la jaro de la infano. Multon oni skribas kaj teoriumas pri la infanoj de la mondo, sed ni deziras memorigi, ke ekzistas tiuj ĵus nomitaj gekolegoj, kiuj "praktikas" la solidarecon internacian al la infanoj sen vortoj, sen levita admonfingro, sed kun "pakpapero kaj ŝnuro".

Notindas ankaŭ konstati, ke tiuj, kiuj donas monon por aĉeti sakon da rizo, lankovrilon, matracon aŭ cementon ne estas riĉaj homoj, vere ne, kaj ili ne donas la superfluon, sed ili donas parton de sia propra bezono kaj pro tio certe la homamo, kiu akompanas la donacon estas senfina.

Ankoraŭfoje dankon al ĉiuj!

Ursula Grattapaglia



# NEKROLOGOJ

En Nederlando ni denove perdis membrojn.

Tute neatendite mortis la 18an de marto 1979

A.J.W. van Kouwen

el Breda en aĝo de 78 jaroj.

Ĝis la lasta minuto li aktive laboris por Esperanto. Ek de la fondiĝo de FERN li estis membro kaj organizis kursojn.

Ni perdis fidelan membron.

Post longdaŭra malsano kaj suferado mortis la 23an de marto 1979

E.J.M. Schinkel

el Alkmar. Ankaŭ li fariĝis 78 jara.

Li fariĝis ano de FERN je la 1a de julio 1947.

Finiĝis aktiva vivo multflanka, ĉar kun entuziasmo li laboris sur diversaj kampoj.

Ambaŭ membroj postlasas vakan lokon. Al ambaŭ familioj ni sincere kondolencas. Ni certe ne forgesos niajn aktivajn veteranojn. Ili ripozu en paco!

---

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

Germanio,
La urba kaj fervojista Esperanto-grupoj en Munkeno aranĝos de la 5a ĝis 20a de majo 1979, Esperanto-Ekspozicion en la "Muzeo por Völkerkunde" sub la temo "Mondlingvo kaj Eŭropa Integriĝo".

La ekspozicio okazos en la kadro de Eŭropaj Semajnoj, iniciita de la Eŭropa Unio Munkeno.

Kontribuaĵoj, kiel afiŝoj, ilustraĵoj, bildoj de internaciaj renkontiĝoj eŭropaj, prefere junularaj, estas volonte akceptataj.

Oficiala malfermo de la ekspozicio dimanĉe la 6an de majo je 10a horo matene.

J. Weidacher, Schneefinkenweg 11, D-8000 München 82.

---------

GEFA-jarkunveno.
Ĝi okazos en Heilbronn de la 5a ĝis la 7a de oktobro 1979.

---

# ANONCETOJ

Literatura Foiro
Literatura Foiro estas kultura revuo, oficiala daŭriganto de NORDA PRISMO. Ĝin fondis literetura rondo "La Patrolo", kies organo ĝi estas.

Abonu ĉe
Germano Gimelli, via D. Creti 61 - 40128 Bologna (Italujo) - peranto por IFEF-anoj.

Internacia Abontarifo: 15 ned. guldenoj (ne aervoje), sed por finnoj: 25 mk; por svisoj: 15 fr; por italoj: 5000 L.

Pagu en P.ĉ.k. 19336403 de I.F.E.A. Bologna (Italio).

Esperantaj periodaĵoj.

Por prilaborata "Enhavbibliografio de Esperantaj peroidaĵoj 1887-1978" ĉiuspecajn malnovajn Esperanto-gazetojn serĉas: Edward Wojtakowski, P.O. Kesto 312, PL 50-950 Wroclaw 2, Pollando.
Rekompenco per poŝtmarkoj, Esperanto-libroj ktp.

# FERVOJAJ INFORMOJ

(tradukitaj el "Blickpunkt" marto 79 de J. Giessner)

Jubileo en Leipzig. La 7an de aprilo 1979 antaŭ 140 jaroj la unuan fojon trafikis la "vaporvagono" rekte de Leipzig ĝis Dresden. Ĉi-okaze ĝi ne nur transveturis la unuan grandan fervojan ponton de Germanio, kiu en Riesa transis la riveron Elbe, sed ankaŭ trapasis la unuan germanan fervojan tunelon, kiun saksaj ministoj estis fosintaj tra monto ĉe Überau. Hodiaŭ la tunelo estas malaperinta kaj la trakoj nun kondukas tra malferma tranĉeo. La linio estis privata ĝis 1876, poste ĝi fariĝis ŝtata.

Ĉinio. La ĉinaj fervojoj atendas duobligon de sia trafiko dum la momenta dekjarplano (76-85). Laŭ tiu plano oni antaŭvidas la konstruadon de ses ĉeflinioj, la ekipon de aliaj linioj per dua trako resp. modernigon de aliaj linioj, aŭtomatigon precipe de signaliloj, la importon de dizelelektraj lokomotivoj kaj la ekfunkciigon de novaj vagonoj por pasaĝeroj.

Danio. DSB planas la kompletan elektrizadon de siaj ĉeflinioj. La kostoj por tiu granda programo, kiu ampleksos 1065 km, estos ĉirkaŭ 2315 milionoj da kronoj. Krome la dana parlamento antaŭ nelonge konsentis la konstruadon de ponto planita trans la Grandan Belton. La ekonomiaj cirkonstancoj tamen ŝajnas prokrasti la efektivigon.

Japanio. La japana trafikministerio por 1979 postulas 40 milionojn da enoj (210 milionoj da US-dolaroj) por la konstruado de 5 planitaj rapidlinioj kaj por la aĉetado de la necesa grundo. Temas pri jenaj linioj: de Aomori al Sapporo, de Moridka al Aomori, de Tokio al Okasaka (dua linio), de Hakata al Kagoshima kaj de Hakata al Nagasaki.

Sovet-Unio. La plej norda fervojo de la mondo estas en konstruado, kiu kondukos de Workuta al Kharasavei ĉe la norda pinto de la Jamal-duoninsulo. Por la transigo de la ĉirkaŭ 60 km larĝa golfo de Bajdaratskaya estas antaŭviditaj fervojaj pramoj kun instalaĵoj por disrompi glacion. La linio jam en 1980 devos ekfunkcii.

# Gravaj enhavaĵoj

paĝo
La 31-a IFEF-kongreso en Turku ........ 26
La IFE-Skisemajno ........ 27

La redaktofino por la venonta IF estas 25/7 1979

Presita en: Esperanto-Centro Aarhus